# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO




**Oficiala organo de T.A.G.E.**

16-a jaro. No. 3-a. 1937-a





## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Por la abonkotizo estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 20 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Itala** | 10 | liroj. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE. Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,, Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Aŭstra:** Societo de Aŭstraj Esperanto-Instruistoj. Gfrornergasse 13. Wien. VI.

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, „Iskar" 79. SOFIO. IV.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Kn. Aa. Andersen. ONSILD. Poŝtĉekkonto: No. 55673.

**Estona:** Johannes Jaanisto. Kastani—125—1. TARTU.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Soroksári ut. 38-40. V. 6. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** J. Hogenkamp, Hoofd der School, 2e Exloërmond (W.). Poŝtkonto No. 191714.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Gondokoesoeman 7. pav. JOQJAKARTA.

**Pola:** B. Gluchowski. ŝw. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.

kaj:

**Amerika Esp. Instituto.** 1111 Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agenton en Svisujo, kaj en Norvegujo.

---

**Varbu por T.A.G.E. Propagandu nian interesplenan revuon ! !**

---

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.

16-a jaro (Numero 3) 1937.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

**Redaktoro:** E. J. BOLTJES. Engelschelaan 30. **Winschoten** (Nederlando).
**Administranto:** P. KORTE. Schoolstraat 13. **Veendam.** (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544.
**Prezidanto de TAGE:** Dro Bj. BECKMAN, Konstapelsgatan19 Karlskrona, **Svedujo.**
**Sekretario:** K. H. SPORTEL. **Nieuw-Scheemda** (Gron.) (Nederlando).
W. H. MOOK. Nassauplein 15a. **Groningen** (Nederlando).
A. VAN HAGE. Zuidwending. **Veendam** (Nederlando).

## Karaj gekolegoj ĉiulandaj!

La nuna numero estas dediĉata al la klerigado kaj instruado en Polujo, la lando de la XXIXa jubilea kongreso.

En diversaj artikoloj ni pritraktas la historion de la pola klerigado kaj ĝia nuntempa organizo. Kompreneble tiuj artikoloj ne povas esti elĉerpigaj pri la pritraktita objekto. Ni ekz. ne pristudis la programojn, la metodojn, nek citis la lernejojn praktikajn, kie oni faras pedagogiajn eksperimentojn. Sed, ni tre kore invitas vin, ĉiujn niajn eksterlandajn gekolegojn, esperantistajn kaj aliajn, ke ili bonvolu viziti Polujon kaj partopreni la jubilean kongreson dum la proksima Aŭgusta monato. Dum tiu kongreso cetere ankaŭ, okazos konferenco de T.A.G.E. Dume tiujn, kiujn interesis la artikoloj kaj kiuj deziros esplori la aferon pli detale, povos konatiĝi kun la pola instruistaro, kiu volonte gvidos ilin en tiu esplorado. Eble ili trovos tie ĉi ion indan je ilia atento.

Karaj gekolegoj ĉiulandaj, venu al la Varsovia Kongreso! Konatiĝu kun nia instruado. Partoprenu T.A.G.E. kunvenon.

Doktorino JANINA ENDER.

---

## Kial Heziti?

Kiel gimnaziano mi lernis lingvojn grekan, latinan, francan, germanan. Mi ĉiam estis bona lernanto kaj havis bonajn notojn. Sed el la greka lingvo preskaŭ nenio restis en mia kapo. Per la latina, kiu tamen estas instruata en la tuta mondo, mi neniam sukcesis interkompreniĝi kun fremduloj, se ili ne estis katolikaj pastroj aŭ instruistoj de tiu lingvo.

La franca lingvo helpis min multe en legado de sciencaj kaj literaturaj verkoj kaj dum vojaĝoj en Francujo, Svisujo kaj eĉ Italujo; la germana en Germanujo. Sed mi sentas min ĉiam kiel ia sovaĝulo, kiu apenaŭ scias balbuti, kiam mi devas alparoli al la loĝantoj de fremda lando.

Kaj jen mia filo, ne lerninte ankoraŭ nek latinan nek ian alian fremdan lingvon, krom Esperanto, kiel naŭjara knabo venas en Stokholm kaj libere interkompreniĝas kaj babilas kun diverslandaj membroj de la Esperanta Kongreso. La sekvantan jaron en Italujo kaj poste en Aŭstrujo li jam trovas, ke la interkompreniĝo kun la alilanduloj estas tute simpla kaj natura afero. Hodiaŭ, kiel dekdujara knabo, li interŝanĝas poŝtmarkojn kun „samfakuloj" de la plej malproksimaj punktoj de la terglobo. Kiam li estos pli aĝa, li kun la sama facileco povos interŝanĝi la ideojn kaj sciencajn pensojn! Kaj por atingi tion li bezonis apenaŭ kelkajn semajnojn de preskaŭ amuza lernado de la lingvo!

La praktika utileco de sciencoj, instruataj en la moderna lernejo, ŝajnas esti la plej grava tasko de la moderna instruado. Ĉu povas ekzisti ia vere grava motivo por malhelpi la enkondukon de la Esperanto en la modernan lernejon?

Dr. ADAM ZAMENHOF.



# Tri popoloj - unu celo.

Terurigita, kaj kiel historiisto kaj kiel svedo mi legis en la artikolo de nia kolegino Janina Ender la frazon pri „la multnombraj sinsekvaj invadoj, Svedoj, Turkoj kaj Tataroj", Ho, kiajn pensojn vi havas pri ni en Polujo? Kaj kiajn pensojn havos la alilandaj samideanoj, kiuj legos nian revuon? Eble ili timos pri nova sveda invado dum la kongreso kaj entute ne kuraĝos veni?

Jes, mi certe estas scivolema: kion vi pensas pri ni en Polujo? Kion vi instruas pri ni en la lernejoj? Parenteze dirite: la redaktoro de I.P.R. iam promesis skribi artikolon pri la instruado pri Svedlando en nederlandaj lernejoj, ĉu li eble forgesis sian promeson? Espereble ne, ĉar ankaŭ inter Svedlando kaj Nederlando okazis iam sufiĉe gravaj konfliktoj, kaj mi multe interesiĝas pri la problemo: kiamaniere vi pritraktas tiujn temojn en via instruado?

Sed eble tio estas danĝera temo, ne nur pro eventuala protesto de turkaj kaj tataraj agentoj sed ankaŭ pro tio, ke dum la deksepa jarcento la Nederlandanoj kaj la Poloj ordinare estis amikoj de la Svedoj. Oftaj bataloj ĉirkaŭ la aktuala urbo Danzig memorigas nin pri tio. Kaj eble mi nur povis malfacile defendi min kontraŭ nova pol-nederlanda ligo?

Sed mi ne timas. Tiuj tempoj estas for: kiu povas imagi militon inter ni, Poloj, Svedoj kaj nederlandanoj? Nun ni kunlaboras amike en paca movado, en T.A.G.E. Baldaŭ ni renkontiĝos en Varsovio sed ĝis tiam ĉi tiu numero povas esti bonega pruvo pri la pacaj rilatoj inter la iamaj malamikoj. Kaj pri la interfratiga laboro de T.A.G.E.

Vi geinstruistoj! Ĉu vi ne scias, ke sen ni, sen la lernejo la interfratiĝo estas neebla afero? Ĉu vi ne scias, ke T.A.G.E. laboras por tia interfratiĝo pere de la geinstruistaro? Kaj ke en tiu rilato la tri popoloj, iam interbatalintaj kruele, havas la saman celon?

Certe vi scias, sed agu laŭ via scio! Aliĝu al T.A.G.E., la tutmonda asocio, de geinstruistoj! Apogu nin, mi ne volas diri helpu, ĉer mi opinias, ke ni ne devas humile peti pri helpo! T.A.G.E scias sian valoron kaj povas proponi al vi kunlaboron, kiu utilos al ni ambaŭ kaj al la granda. sankta afero, kiu estas pli valora ol ni!

Bj. BECKMAN.

---



Unuagrada publika lernejo en vilaĝo.



Lego-kaj ripozĉambro, ĉe la Ŝtata lernejo pri konstruarto en Varsovio.

# Evoluo de la klerigado en memstara Polujo.

**(Ĝis la fino de la dekoka jarcento.)**

La unuaj lernejoj en Polujo datas de la Mezepoko. Verdire, tiutempe la lernejoj uzis la latinan lingvon, kaj estis gvidataj preskaŭ ekskluzive de la pastroj. Jam en la 14-a jarcento fondiĝis la Krakova Universitato, unu el la plej malnovaj en Meza Eŭropo. Tiu Universitato estas nomata „Jagiellona" kaj la tempo de ĝia plej granda prospero estas la 15-a kaj la komenco de la 16-a jarcento. La plej fama studinto ĉe tiu Universitato estis Mikolaj Kopernik.

Dum la 16-a jarcento Polujo partoprenis aktive la intelektan movadon de tiutempa Eŭropo. Ĝi posedis jam vastan literaturon kaj sciencan verkaron. Interalie aperis tiam la unuaj verkoj pri pedagogio: Unu el la tiutempaj verkistoj, Andreo Frycz Modrzewski, postulis, ke la instruado estu ebligata al kiel eble pjej larĝa publiko; alia, Warszewski, postulis la kreadon de speciala Ministerio pri Klerigado.

Ĉar Pollando partoprenis ankaŭ en la Reforma movado, diversaj konfesiaj lernejoj estis fonditaj tiutempe, kaj ilia instru-nivelo estis tre alta. Inter tiuj-ĉi, ni citu la Arianan Akademion, kiu funkciis nur ĝis la jaro 1638-a. Je l'fino de la 16-a jarcento, ekzistis en Pollando 3 universitatoj: Krakovo, Vilno kaj Zamosc.

Pro la multenombraj, sinsekvaj invadoj: Svedoj, Turkoj kaj Tataroj, la 17-a jarcento estas signita per la grade malaperanta kleriga movado. Verdire ekzistis ankoraŭ multaj lernejoj, sed ilia instrua nivelo estis multe malpli alta. Tamen, eĉ dum tiu tempo, Polujo egalis ankoraŭ la alian landojn de Eŭropo. Ekzilita el sia patrujo, Comenius rifuĝis en Polujo kaj tie verkadis.

Jam en la dua jarkvindeko de la 18-a jarcento, ekrenaskiĝis la klerigado. Unue, pastro Konarski reformis la lernejojn de la Pastroj Pijaroj, kaj fondis la faman kolegion „Collegium Nobilium". La aliaj pastroj, kiuj gvidis lernejojn sekvis tiun ekzemplon de la Pijaroj.

En la jaro 1764 aliris la tronon de Pollando la reĝo Stanislao Aŭgusto Poniatowski, homo kun alta kulturo, protektanto de l'sciencoj kaj artoj. Li fondis la unuan vere laikan lernejon: La lernejo por estontaj militistoj: „Korpus Kadetów". El tiu lernejo eliris Tadeo Kosciuszko, batalinta heroe por la liberigo de Pollando kaj por la sendependeco de la Unuigitaj Ŝtatoj de Nord-Ameriko.

Bedaŭrinde, dum la 18-a jarcento komenciĝas la disfalo de la Pola Ŝtato. La literaturaj verkistoj de tiu jarcento tre ofte antaŭenpuŝis la ideon pri ĝia savo, pere de la reformo pri klerigado kaj la eduko de la junularo laŭ patriota sento. En la jaro 1773 oni fondis la Ministerion pri Klerigado, nomata: „Komisiono pri Nacia Klerigado." Tiu Komisiono entreprenis la gravan taskon reformi la tutan instrusistemon, komencante per la Universitatoj ĝis la paroĥejaj lernejoj,

tio estas la plej malaltaj. Tiu Komisiono estis la unua tiuspeca Ministerio en Eŭropo.

La Komisiono grupigis la plej eminentajn homojn el tiu tempo kaj ĝi direktis sian agadon laŭ la plej progresemaj pensoj kaj ideoj de sia epoko, pri la eduka vidpunkto. En la instruado ĝi anstataŭis la lingvon latinan per la pola. Ĝi ankaŭ okupiĝis pri la instruado kaj edukado de virinoj kaj fondis demokratan, laikan, lernejon alireblan de la junularo el ĉiuj klasoj sociaj.

Pro la politikaj okazaĵoj je la fino de la 18-a jarcento, kiuj fine neniigis Pollandon kiel ŝtato, ĝi tamen ne atingis la celojn, kiujn ĝi estis starigintaj al si mem.

La agado de la unua, „Ministerio por Klerigado" estas tamen tre atentinda por ĉiuj, kiuj interesiĝas pri la disvolviĝo de la pedagogiaj ideoj. La Regularo de la Komisiono, starigita en la jaro 1783, estas unu el la plej interesaj dokumentoj pri la porkleriga leĝofarado.

JANINA ENDER. Tradukis: E. F. CENSE.

---

# Pola klerigado sub fremda regado.

## (1795—1918).

Post la disfalo de Pollando kiel ŝtato, la sorto de la instruado dependis de la politika situacio de la polaj teritorioj, kiuj estis dispartigitaj inter tri landoj: Aŭstrio, Prusujo kaj Rusujo.

Nur partetoj de Pollando reakiris sian sendependecon momentan: La Duklando Varsovia, starigita de Napoleono la I-a (1807—1814); la Respubliko de Krakovo (1815—1846) kaj la tiel nomata „Reĝolando Pola" (1815—1831).

En ĉiuj ĉi malgrandaj ŝtatoj, la tuta atento direktiĝis al la kreado kaj organizo de la ĝenerala instruado. Ekzemple, en la Varsovia Duklando, malgraŭ la malfavoraj militkondiĉoj, mirigaj celoj estis atingitaj, precipe koncerne la unuagrada klerigado. En la Pola Reĝolando estis fonditaj: la Varsovia universitato, elementoj de la unua Politekniko, inter la unuaj en Eŭropo, kaj Instituto por la surdmutuloj. En la malgranda Krakova Respubliko oni subtenis la Universitaton kaj disvolvis la unuagradan instrukampon.

En la mezo de la 19-a jarcento malaperis la restaĵoj de la Pola sendependeco: La polaj teritorioj, same kiel la klerigado, administre kaj politike enkorpiĝis en la organismojn de fremdaj ŝtatoj. Ĉiu el la konkerintaj landoj sekvis malsimilan politikon pri klerigado, sed la celo de ĉiu estis videble la sama: Pere de la lernejoj kaj instruado neniigi ĉe la junularo la konscion pri ĝia nacieco.

La Prusa registaro ne persekutis la instruadon kiel tian, sed sisteme celis la germanigon de la junularo. En la parto de Polujo,

regata de Prusujo, la nombro de popolaj kaj duagradaj lernejoj estis sufiĉa, sed je la fino de la 19-a jarcento, ĉiuj estis ekskluzive germanaj. Tamen la pola provinco estis la sola inter ĉiuj provincoj konsistigantaj la Prusan ŝtaton, kiu ne havis superan akademian lernejon. Oni ja ne celis faciligi al la pola junularo la akiron de supera instruo. Kiam komenciĝis la mondmilito, en tiu parto de Polujo preskaŭ ne troviĝis analfabetoj, sed malgraŭ la konspira instruado, troviĝis tamen homoj ne kapablaj legi nek skribi en sia gepatra lingvo, tio estas pole.

En la unua jarkvindeko de la 19-a jarcento, la aŭstria registaro sekvis politikon, malamikan al ĉio, kio estis pola, kio influis ankaŭ la instrusistemon. En la 2-a jarkvindeko, pro la ŝanĝoj okazintaj en la Aŭstro-Hungara Monarkio, la klerigada politiko ankaŭ transformiĝis. La polaj teritorioj, regitaj de tiu monarkio, ricevis administran kaj parte instruan aŭtonomion. Tiam, fondiĝis lernejoj kun instrulingvo pola por la Poloj kaj kun instrulingvo rutena, por la Ukrajnanoj, loĝantaj sur tiuj teritorioj. Tiu parto de Polujo estis la sola, kie troviĝis polaj superaj lernejoj antaŭ la milito kaj sciencaj institucioj, antaŭ ĉio la Pola Akademio de l'Sciencoj en Krakovo.

Sed, eĉ sub la Aŭstria regado, kvankam kun pola lingvo, la lernejoj ne kontentigis la bezonojn de la pola popolo, ĉar la programoj kaj la instrumetodoj funkciis laŭ la sistemo ĝenerale uzata en la tuta monarkio kaj ne estis adaptitaj al lokaj postuloj.

Verdire, en Aŭstrio, la lernado estis deviga, sed ne plene realigita, tiel ke sur la polaj teritorioj troviĝis ĝis 30 % analfabetoj, kiam Pola Ŝtato reakiris sian sendependecon.

La plej granda parto de la polaj teritorioj estis regataj de Rusujo. Ili formis tamen malgrandan spacon, kompare kun la vasteco de Ruslando. Malgraŭ ĉio, se oni konsideras la nombron da lernejoj ekzistantaj en tiu parto de la iama Pola Stato, je la fino de la 18-a jarcento, tiu superis la nombron de tiuj, kiuj ekzistis en la tuta Rusa Imperio. Pro tiu kaŭzo Rusujo ne povis tuj komenci la rusigadon de la klerigado, ĉar ĝi ne posedis sufiĉan nombron da kapablaj instruistoj, eĉ por siaj propraj bezonoj. Grade tamen, dum la 19-a jarcento, la registaro rusigis ĉiujn lernejojn sur la pola teritorio, kaj regule persekutis la instruadon kaj la instruantojn. Nome, la loĝantaro de la polaj teritorioj konstante plinombriĝis kaj la nombro da lernejoj ne kreskis samgrade. La popolo sentis la mankojn da lernejoj, kaj ĉar la registaro ne kreis novajn, laŭ sia propra iniciativo, la Poloj malfermis privatajn lernejojn.

Sed eĉ en tiu privata agado oni staris antaŭ gravaj malfacilaĵoj. Pro tiuj cirkonstancoj okazis io, certe ne konstatita en la tuta historio de la klerigado: Ĉe la fino de la 19-a jarcento, kaj je l'komenco de la 20-a, la klerigado fariĝis konspira, same kiel la politiko. Ekzistis sekretaj lernejoj unuagradaj, duagradaj kaj eĉ

tiaj, kun supera instrua nivelo. Memkompreneble, tiu eduka kaj instrua agado, farata dank'al la sinofero kaj penado de la nacio, ne povis kontentigi ĉiujn postulojn. Tial, ankaŭ sur la teritorio regata de Rusujo, la stato de la klerigado prezentiĝis plej malĝoje. La nombro de la personoj sciantaj nek legi nek skribi atingis, en iuj partoj de tiu teritorio, ĝis 80 % de la ĝenerala loĝantaro.

La Poloj komencis batali, por havigi al si polajn lernejojn, kun pola lingvo kiel instrulingvo. En la jaro 1905 okazis striko de la junularo, kiu postulis polajn lernejojn. Tiu postulo estis atingita nur parte: La rusa registaro konsentis, ke la privataj lernejoj enkonduku la polan lingvon kiel instruan, por iuj objektoj, sed la ŝtataj lernejoj konservis ĝis la mondmilito la rusan kiel instruilon.

Resumante la rezultojn de la klerigada politiko de la tri dispartigintaj registaroj, oni devas konstati, ke ili estas nekontentigaj. La lernejoj ne respondis al la realaj bezonoj de la pola popolo, nek laŭ la kvalito, nek laŭ la nombro.

Neniu el la fremdaj ŝtatoj, regantaj la polajn teritoriojn, disvolvigis la profesiajn lernejojn, ĉar ili ne volis krei lertajn industriistojn, inter la pola popolamaso.

JANINA ENDER. trad. E. F. CENSE.

---

# Organizo de la klerigado en sendependa Polujo.

## I. La fondiĝo.

En la jaro 1918-a, kiam Polujo reakiris sian ŝtatan sendependecon, la organizantoj de la klerigado staris antaŭ malfacile solvebla problemo. Ili devis krei, ne nur unuecan sistemon de klerigado, por ĉiuj tri partoj rekuniĝintaj, sed ili devis krei tutan laborsistemon por regionoj malfruantaj je pli ol jarcento.

La areo de la nuna pola ŝtato konsistas el 388.634 km². Laŭ la statistiko de 1935, la nombro de la loĝantaro atingis 33.400.000 el kiuj 69.1 % Poloj, kaj 30.9 % tiel nomata malplimulto. Tiu malplimulto konsistas el Rutenoj, Hebreoj, Blankrusoj, Germanoj, kaj malgranda procento da aliaj nacioj : Rusoj, Litovoj, k.t.p. Laŭ la ekonomia vivo Polujo estas agrikultura lando, kie la plejmulto el la loĝantaro konsistas el kamparanoj. Tial, en la restarigita Pola Ŝtato, la instrusistemo devis esti reorganizita kaj adaptita al la bezonoj de la loĝantaro.

Estas senutile noti, ke ĉiuj lernejoj, de la plej elementaj ĝis la plej altaj, estas malfermataj ne nur al ĉiuj polaj civitanoj, sed al ĉiuj loĝantoj, el kiu ajn nacia deveno, al kiu ajn sekso aŭ konfesio ili apartenas.

La plej alta instanco pri klerigado estas en Polujo la Ministerio Pri Kultoj kaj Publika Klerigado, de kiu dependas la distriktaj lernejaj Kuratorioj. Siavice de tiuj Kuratorioj dependas la plej malalta, tio estas la unua instanco : La lernejaj Inspektoroj, koncerne la aferoj de la unuagradaj publikaj lernejoj.

La budĝeto de la Ministerio por Klerigado okupas la duan lokon en la ŝtata budĝeto.

La strukturo de la klerigado, ĝia grado kaj programo estas fiksitaj de leĝo eldonita la 11-an de marto 1932, kiun oni iom post iom realigas. La novaj principoj, enkondukataj de tiu dekreto, havas kiel celon „faciligi al la Ŝtato la edukon kaj klerigon de la amaso da polaj civitanoj, kaj konduki ilin al konsciaj kaj produktantaj civitanoj de la Respubliko : kreadi por tiuj civitanoj, kiel eble plej altan edukon religian, moralan, intelektan kaj fizikan." Unuvorte, prepari ilin al kiel eble plej taŭga vivo civitana. Al la plej kapablaj kaj persistemaj individuoj, el ĉiuj sferoj, ĝi ebligas atingi la plej altajn gradojn en la sciencoj kaj en la profesiaj preparoj.

Tiu leĝo celas realigi la demokratajn principojn en la lernejoj, ebligante al la plej kapabla junularo la transiron de unu tipo de lernejoj al alia tipo, same kiel el la lernejoj plej malaltaj al la plej superaj.

Al la civitanoj, kiuj ne trairas la kutiman vojon lernejan, la leĝo donas la eblecon havigi al si la necesajn atestojn pere de ekzamenoj, korespondaj al la instruo akirita, per la instruado kaj studado eksterlerneja.

## II. La elementaj lernejoj.

P r e l e r n e j o j.

La plej malalta grado de edukado estas la preparaj lernejoj. Tiuj organizoj edukas, sed ne instruas, la infanojn de la tria jaro ĝis la sepa, aĝo je kiu la deviga lernado regula komenciĝas.

En Polujo, la unuaj prelernejoj estis fonditaj en la jaro 1840, kiel infanaziloj, de la „Varsovia Bonfara Societo". La politika situacio ne permesis disvolvigi ilin laŭdezire. En la restarigita sendependa Polujo, tiuj prelernejoj ne estas subtenajaj de la Ŝtato, sed de privataj personoj, de la komunumoj kaj de diversaj organizoj.

La metodoj uzataj en tiuj prelernejoj devas konsideri la hodiaŭan puerikulturon, la individuecon de la infano, ĝiajn intelektajn interesojn kaj ĝiajn fizikajn fortojn. Oni multe atentas la fizikan edukadon, tio estas : la persona higieno, movada ekzerciĝo, nutraĵo, ludado en plena aero, kuracista zorgado ; kaj la edukon estetikan : kantoj, dancoj, muziko, ritmiko, modelado, eltranĉado, k.t.p.

U n u a g r a d a j  l e r n e j o j.

La unua zorgo de la registaro, en la Restarigita Pola Ŝtato, estis la dekretigo de la lernado deviga por ĉiuj. La sepan de Februaro

2919 aperis tiu dekreto, trudanta la devigan, senpagan instruadon, daŭrantan 7 jarojn, en la unuagrada lernejo. La lernaĝo estas fiksita de la 7-a ĝis la 14-a jaro de la infana vivo. La Pola Konstitucio devigas la gepatrojn instruigi siajn infanojn, almenaŭ ĝis la fino de la unuagrada lernejo.

Memkompreneble la unuagradaj Ŝtatlernejoj estas senpagaj kaj pro tio alireblaj por la infanoj de ĉiuj civitanoj. Plie, dum tiuj krizaj tempoj, la plej malriĉaj ricevas aldon-nutraĵon varman, kaj estas organizataj por ili someraj libertempaj kolonioj kaj tagaj forflugoj al la kamparo aŭ al eksterurbaj parkoj.

En Polujo la unuagrada lernejo estas nomata „Powszechna", tio estas „Universala" kaj ne „popola", ĉar ĝi estas destinita al ĉiuj civitanoj, el ĉiuj klasoj, ĝia celo estas; ebligi al la infanoj de la civitanoj akiri dum la 7 jaroj de ĝia daŭro, kiom eble plej vastan scion kaj edukon, atingeblajn de infanoj je tiu aĝo, kaj konsciigi, kiom eble, la estontajn civitanojn pri siaj devoj.

Fininte 6 klasojn de la unuagrada lernejo, la lerninto rajtas transiri al duagrada ĝenerala lernejo. aŭ resti ankoraŭ unu jaron en la unuagrada. En la 7-a klaso oni finas la programon kaj oni preparas la junan civitanon al la socia kaj, kiom eble, al la ekonomia vivo de la lando. Ĝia instruo povas halti tie, aŭ ĝi povas direkti sin al profesia lernejo. La junularo, kiu finas nur la unuagradan lernejon kaj tuj devas komenci la praktikan, laboreman vivon, povas ankoraŭ, ĝis la 18-a jaro, viziti la vesperajn lernejojn ĝenerale edukantajn, aŭ la profesiajn. Bedaŭrinde, ĝis nun tiuspecaj lernejoj ekzistas nur en la urboj. Lastatempe tamen, kelkaj estas fonditaj en la vilaĝoj.

## III. Mezaj kaj samgradaj lernejoj.

M e z a j L e r n e j o j ĝ e n e r a l e d u k a n t a j.

La instrutempo en la duagrada t.e. meza lernejo daŭras 6 jarojn. Ĝi konsistas el 4 jara Gimnazio, kaj post ĝi de 2 jara tiel momata Liceo. Ĉiu el tiuj du partoj de la duagrada lernejo formas en si mem tutaĵon, havantan siajn specialajn taskojn. Tiu lernejo devas doni al la junularo bonajn bazojn por plena kultura disvolviĝo, prepari ĝin al agema partopreno de la organizita vivo socia kaj prepari ĝin al la lernado en la ruperaj lernejoj. La gimnazio akceptas infanojn de la 12-a jaro de ilia vivo. La lernejo devas doni al ili sufiĉan instruon kaj edukon, por ke, se ili ne deziras daŭrigi iajn studojn, ili estu kapablaj plenumi en la socia vivo funkciojn postulantajn ĝeneralajn konojn. Se ili volas tamen daŭrigi la studojn, ili povas transiri al lernejoj je la studnivelo de la liceo.

Liceo. — Tiu estas la supera grado de la meza lernejo. La studprogramo komprenas dujaran studon. Kiel la gimnazio, ĝi estas siaspeca tutaĵo. Ĝi celas doni al la junularo tian edukon kaj instruon, ke tiuj, kiuj ĝin finis, kaj ne intencas daŭrigi la studojn, povu

partopreni la ekonomian kaj socian vivon, plenumante funkciojn, kiuj postulas pli plenajn konojn ol tiuj donitaj de la gimnazioj. La preparo, donita de la liceo, konsistigas ankaŭ sufiĉan bazon por la studoj en la Superaj Lernejoj.

La programo de la ĝeneral-instruaj, duagradaj lernejoj estas la sama por la viraj kaj por la virinaj.

Profesiaj Lernejoj.

Alia vojo por eduki kaj instrui la kapablajn individuojn, estas la profesiaj lernejoj : a. unuagradaj ; b. je gimnazia grado ; c. profesia preparado ; kaj d. je licea grado.

La unuagradaj, tieln omataj : meblistaj, agrikulturaj k.t.p., akceptas lernantojn kun atesto de 4 klasoj de la unuagrada lernejo. Ili preparas laboristojn, por kiuj sufiĉas faka scio. En iuj el tiuj lernejoj la lernado daŭras 3 jarojn kaj en aliaj nur du jarojn, depende de la fako elektita.

La lernejoj, nomataj profesiaj gimnazioj, akceptas lernantojn finintajn la tutan unuagradan lernejon. Ili donas al la ekonomia vivo kategorion da laboristoj, kiuj posedas ne nur fakan praktikadon, sed plie, ili havas sufiĉan scion teorian, fakan kaj ĝeneralan. Tie la lernado daŭras 4 jarojn.

La preparaj fakaj lernejoj donas nur elementan konon pri la fako. Tio estas speco de enkonduko en profesian fakan studadon. Tie, la lernado daŭras unu jaron. Ili havas specialan signifon por la kampara junularo, kiu laboras en siaj propraj bienoj, donante al ĝi specialan praktikan konon.

La studoj en la profesiaj liceoj daŭras 2 aŭ 3 jarojn, depende de la elektita fako. Ili donas ne nur fakan praktikon, sed ankaŭ sciencan kaj teorian preparon. Ĉiuj liceoj akceptas la junularon kun atesto de gimnaziaj studoj.

Lernejoj por Instruistoj.

Ĉiuj instruistoj, sendepende de la lernejo, kie ili instruos, devas posedi ĝeneralan instruadon kaj edukon, adaptitajn al la nivelo sur kiu ili instruos: pedagogian preparon, teorian kaj praktikan, kaj preparon civitane socian. La preparo de la edukistinoj en la prelernejoj fariĝas precipe en la 4-jara seminario, por la lernantinoj finintajn la unuagradan lernejon, aŭ dujaran liceon, postulantan la gimnazian ateston.

La instruistoj por la unuagradaj lernejoj, preparas sin plejparte dum 3 jara studado en pedagogiaj liceoj, post fino de la Gimnazia programo, kaj en dujaraj pedagogiaj lernejoj, kiam ille finis la liceon.

La instruistoj por aliaj faklernejoj edukiĝas, principe, en superaj lernejoj, kaj en almenaŭ unujaraj pedagogiaj kursoj.

La kandidatoj al la instruado en la profesiaj lernejoj devas posedi la ateston pri finstudoj en la profesiaj lernejoj, korespondantaj je la objekto kiun ili instruos mem, kaj je la grado de la celata lernejo.

Ili devas ankaŭ pruvi la profesian kaj pedagogian preparadon, postulatan de la Ministerio. En la polaj lernejoj oni dediĉas gravan atenton al la fizika edukado. Ekzistas speciala Instituto por Fizika Edukado, kie studas same la estontaj instruistoj por la diversaj tipoj de lernejoj, kaj la estontaj sportaj instruktoroj.

Por kompletigi la ĝeneralan edukon kaj instruon de la instruistoj por la diversaj tipoj de lernejoj, estas organizataj kursoj, konferencoj kaj kongresoj specialaj, k.t.p. Krom tio, ekzistas instruktoroj specialistoj ĉe la kuratorioj kaj ĉe la Ministerio. Ili estas elektataj inter la plej kapablaj instruistoj de la dirita objekto, kiuj povas doni al siaj kolegoj konsilojn kaj gvidi por ili specialajn lecionojn-modelojn. La plej novajn metodojn en la pedagogio, la instruistoj povas studi ĉe la Muzeo pri Klerigado kaj Edukado, pri kiu ni parolas en aparta artikolo.

## IV. Superaj kaj specialaj lernejoj.

Superaj Lernejoj.

La lasta, tio estas la plej alta grado de instruado estas la Superaj Lernejoj.

La tasko de tiuj lernejoj estas instruado pri scienco aŭ arto, alkonduki la studantojn al memesplorado de l'sciencoj, instrui kaj eduki la aŭskultantojn je konscia kono de iliaj civitanaj devoj, kaj prepari ilin al profesioj, postulantaj superan instruadon kaj edukon.

La nova lernejsistemo malfermas la superajn lernejojn ne nur al tiuj, kiel estis ĝis nun, kiuj finis la duagradan lernejon ĝenerale instruantan, aŭ la liceon ĝenerale instruantan, sed antaŭvidas ankaŭ la akcepton de kandidatoj. kiuj finlernis la liceon profesian, pedagogian, aŭ tiun de la edukantinoj en la prelernejoj.

Ĉiu posedanto de atesto pri finstudo, en unu el tiuj liceoj, estos akceptata en supera lernejo, kiel simpla studanto.

Aŭtonomio de la Superaj Lernejoj. Ĝia signifo kaj limoj.

La Akademiaj lernejoj estas tute sendependaj, en ĉio, kio koncernas la sciencon. La dekano estas elektita de la Fakultatoj, kaj lia elekto ne bezonas la sankcion de la Ŝtato. La rektoro estas elektata de la profesoroj, kaj lia elekto estas submetata je l' aprobo de la Prezidanto de la Respubliko. La administrado de la lernejoj estas submetata je la samaj leĝoj, kiuj regas ĉiujn oficejojn kaj instituciojn ŝtatajn.

Kontrolo.

Laŭ la artikolo 4 de la leĝo de la 15-a de marto 1933 pri la Akademiaj Lernejoj, la Ministro pri Kultoj kaj Publika Klerigado persone havas la superan aŭtoritaton je la Akademiaj Lernejoj, kaj ekzercas ankaŭ la superan kontrolon je ili.

En Polujo ekzistas la sekvantaj superaj lernejoj akademiaj Ŝtataj.

| *Universitatoj.* | *Aliaj akademiaj Lernejoj.* |
|---|---|
| 1. Jagiellona, Krakovo | 8. Ĉefa agronomia, Varsovio |
| 2. „Stefano Batory", Vilno | 9. Lernejo por Bestkuracistoj, Lvovo |
| 3. „Jan Kazimiro", Lvovo | 10. Minejlernejo, Krakovo, |
| 4. „Jozefo Pisudski" Varsovio | 11. Akademio pri Bel'artoj, Krakovo |
| 5. Univ. Poznania, Poznan | 12. Akademio pri Bel 9 Artoj, Varsovio |
| *Politeknikoj.* | |
| 6. en Lvovo | 13. Akademio pri Stomatologio, Varsovio. |
| 7. en Varsovio | |

Krom tio ekzistas 3 Liberaj Akademioj :

Centra Komerca Lernejo, Varsovio :, Katolika Universitato, Lublin ; kaj la Libera Universitato en Varsovio.

Kiel liberaj Superaj lernejoj, sed ne donantaj ĝis nun rajtojn tiajn kiel la ŝtataj, ekzistas ankoraŭ : Lernejo por superaj Komercaj studoj, en Poznan ; La samspeca, en Krakovo ; Supera lernejo por la Komercaj Studoj kun Eksterlando, en Lvovo ; Lernejo pri Politikaj Sciencoj en Varsovio ; la samspeca, en Vilno ; Supera Lernejo por ĵurnalistoj en Varsovio.

Aliaj superaj lernejoj, ne akademiaj, ekzistas kelkaj dekoj, kalkulante la teologiajn, militistajn, marajn, k.t.p.

*Specialaj Lernejoj.*

Funkcias ankaŭ specialaj lernejoj por la Surdmutuloj, por la Blinduloj kaj por la mense-nenormaluloj. Ili formas apartan kategorion. La preparo de la instruontoj, la pedagogia karaktero, kaj la programo pri klerigado kaj eduko devas ja esti tute specialaj.

En tiu fako, la bezonoj estas grandaj : nur parteto de la deficientaj infanoj trovas lokon en la nun funkciantaj lernejoj. Bedaŭrinde ankaŭ, pro manko da konscio de la gepatroj, kiujn oni devas ankoraŭ eduki en tiun sencon, ne ĉiuj sentas la devon sendi siajn infanojn al la lernejoj. Jen kelkaj mombroj koncernantaj la jarojn 1933/4.

| *Blindul-lernejoj.* | *Por Ne-normalaj Infanoj.* |
|---|---|
| 6. | 50. |
| *Por Surdmutuloj* | *Por morale senhelpaj infanoj* |
| 15. | 14. |

Lernejoj por la Nacie-kaj konfesie malplimultaj.

Laŭ decido de la Konstitucio de la Pola Respubliko, la organizo de la pola klerigado certigas al la nacie, konfesie, kaj lingve malplimultaj civitanoj la absolutan egalrajton pri la uzo de ĉiuj lernejaj organizoj publikaj kaj ŝtataj, kaj ankaŭ la eblecon konservi kaj kulturi

sian lingvon kaj nacian karakteron, en la publikaj, ŝtataj kaj privataj lernejoj.

La programoj kaj lernolibroj, destinitaj al tiuj lernejoj, komprenas la instruadon de la historio rilatanta al la nacio de la lernantoj.

Laŭ la deziro de la gepatroj, la religio estas instruata en la lingvo de la lernanto, kaj la religi-instruanto estas pagata de la ŝtato, kiam troviĝas almenaŭ 12 infanoj apartenantaj al la dirita konfesio.

Laŭ la suprecitita principo, ĉiuj nacie malplimultoj, sendepende de ilia nombro, havas la eblon ricevi plenan aŭ partan instruon, en ĉiuj publikaj unuagradaj lernejoj, en sia propra lingvo.

Koncerne la privataj lernejoj, la malplimultoj havas la rajton, same kiel la aliaj civitanoj, fondi per siaj propraj rimedoj, direkti kaj administri lernejojn kaj aliajn edukajn organizojn, sur la bazo de principoj devigaj por ĉiuj civitanoj.

Laŭ deziro esprimata de la gepatroj, oni povas enkonduki, kiel aldonlecionojn, la instruon de la hebrea lingvo, por la infanoj judaj. Tamen, kutime kiam la cirkonstancoj tion postulas, la ŝtato kreas unuagradajn lernejojn kun instrulingvo pola, sed kie la infanoj estas tute liberigitaj sabate, kaj lernas dimanĉe.

tradukis: E. F. CENSE. JANINA ENDER.

---



Teraso sur la virina ŝtata gimnazio je l'nomo de Reĝino en Varsovio.

# Esperanto kaj nederlandaj lernejoj.

Parolado pri: „La padagogia valoro de Esperanto" en la oficiala kunveno de la lernejaj inspektoroj en Den Haag.

Dum la monata konferenco de la ŝtataj popollernejaj inspektoroj en la dua ĉefdistrikto sub la prezido de la ĉefinspektoro s-ro P. J. van NES, okazinta en salono de la Ministrejo por Instruado, Artoj kaj Sciencoj en 's Gravenhage (Hago), marde la 16-an de Majo 1937 parolis Sr. Julius Glück pri: La pedagogia valoro de Esperanto.

La paroladon sekvis vigla kaj interesa debato, kiun pluraj ĉeestantoj partoprenis, por havigi al si detalajn informojn pri la nuna stato de la Esperanto-movado.

Unu el la partoprenintoj bedaŭris, ke li devas konstati, ke momente ankoraŭ ne estas eble, envicigi Esperanton en la liston de la fakultativaj fakoj, cititaj en la artikolo 2 de la leĝo pri la popollerneja instruado. Se post kelkaj jaroj oni tion povus atingi, laŭ la opinio de pluraj inspektoroj la ŝanco de enkonduko en la nederlandajn lernejojn ne estus malfavora. Ĉi tiu debato povas esti rigardata kiel esperplena antaŭsigno por la estonto de Esperanto. Oni do devas akceli ankoraŭ negravajn leĝoŝanĝojn por ebligi grandskalan enkondukon de Esperanto en la instruprogramojn de la duagradaj popollernejoj.

La grava debato en tiu ĉi maltsignifa kunveno povos ĉiurilate alporti al Esperanto favorajn rezultatojn.

---

# La Centraj Didaktaj Laborejoj

**ĉe la Muzeo de Klerigo kaj Edukado en Varsovio, str. Hoza 88.**

LA CELOJ DE LA LABOREJO.

La Centraj Didaktaj Laborejoj havas la taskon kolektadi modelojn de lernejaj aranĝoj, kolektoj kaj instru-helpiloj, kaj ankaŭ informfontojn el la metoda kaj didakta branĉo, rilate al organizo de instruado, en kiel eble plej aktuala formo.

De tempo al tempo, ekz. ĉiujn tri jarojn, okazas kontrolo de la materialo kaj forigo de aĵoj nenecesaj, kiujn oni devas transdoni al la Muzeo de Klerigo kaj Edukado en formo kompletita, kun la koncernaj historiaj indikoj.

**Instrukcio: klarigoj.**

1. Fragmentoj de lernej-aranĝoj en laŭeble aktuala formo, resp. planoj kaj skizoj de la aranĝoj.
2. Kolektoj de instru-helpiloj, ordigitaj por la apartaj klasoj de mezlernejo laŭ la postuloj de la nova programo, nome:
   a. kompletoj al ekzercoj, ordigitaj sisteme: kun mallongaj klarigoj de la muntado,
   b. bibliotekoj de lernantaro,
   c. tabeloj, fotografaĵoj, projekciiloj (lumbildoj),
   d. kolektoj, ekspoziciaĵoj, projekci-aparatoj,
   e. land-kartoj, lernej-atlasoj,
   f. aprobitaj lernolibroj,

g. fak-libroj por la instruistaro kaj fundamentaj metodo-didaktaj lernolibroj de ĉiu instru-objekto.

(En la koncernaj klarigoj troviĝas indikoj rilate al la nombro de la necesaj instru-helpiloj en kondiĉoj normalaj kaj en kondiĉoj plej malfavoraj, apenaŭ ebligantaj la realizon de la Ministeria Instru-Programo (resp. rilate al la koncernaj Nr.Nr. de la minist.organo „Poradnik" — „La Konsilanto), indeksoj de pruvitaj instrumentoj. Objektoj objektive kaj metode plej malfacilaj estas kunmetitaj en formo de metodaj unuoj kune kun la tuta aparato de helpiloj).

3. Instrumentoj, modeloj aŭ desegnaĵoj, inventitaj de instruistoj, speciale facilaj al efektivigo (kaj kiujn oni povas fabriki en la lernej-metiejoj).
4. Fako de didakta literaturo pola kaj alilanda, kune kun la lernolibroj, uzataj en la diversaj landoj.
5. Fako de metodaj kaj fakaj ĵurnaloj.

   Al Fakoj 4 kaj 5 estas aldonitaj katalogoj kaj indeksoj, permesantaj facilan orientiĝon en la principaj problemoj.
6. Materialoj, kolektitaj en la apartaj lernejoj, ilustrantaj certajn realiz-metodojn same laŭ metode-didakta kiel laŭ labor-organiza vidpunkto.

   (Ili estos: protokoloj pri la lecionoj, referatoj, kajeroj de lernantaro, material-divido, indikoj al korelacio, skizoj pri labor-organizo flanke de la instruistoj, organizo de ekskursoj, de laboro en lernej-ĝardenoj, metodoj de fiksigo kaj kontrolo de instru-efikoj).
7. La Scienca Fako enhavas: enciklopediojn, statistikajn bultenojn, plenajn lernolibrojn kaj aliajn fundamentajn verkojn de la donita branĉo de l'scienco. La nombro de la aĉetataj sciencaj libroj ne superas la ciferon de 5—10 jare.

Efektivigo de laboro.

1. La laborojn, ligitajn kun la taskoj de la Laborejo plenumas la direktoroj de la Laborejo, instruktoroj kaj asistantoj.

   Devo de la direktoroj estas: ordigi la labor-planon en detaloj kaj ĝian organizon, t.e. disdoni ĝin inter si kaj siaj kunlaborantoj. La direktoro kaj instruktoro donas krom tio fak-konsilojn kaj metod-indikojn. La asistantoj gvidas la ordigan laboron laŭ la indikoj de direktoro, grupigas la materialon, provas aŭ muntadas la instrumentojn, donas klarigojn al la vizitantoj, sed ne donas konsilojn kaj inkojn rilate al instruado mem.

Tradukis JAN LAWADA.

# Esperanto en polaj mezlernejoj

**(laŭ enketo de Kleriga Ministerio).**

Dank' al netaksebla helpo de univ. prof. dr. BOVET el Ĝenevo, la Kleriga Ministerio en Varsovio aranĝis pasintjare enketon rilate al Esperanto inter geinstruistaro de ĉiuj ŝtataj kaj privataj gimnazioj en tuta Polujo. La cirkulero en ĉi tiu afero, sendita al direkcioj de mezlernejoj en la Pozena Lerneja Kuratorio estis jena:

„La Kuratorio de Pozena Lerneja
Distrikto en Poznan
La 12-an de Junio 1936-a
Nr. II. 29406.36. *Tre urĝa!*

ENKETO DE PROF. BOVET PRI ESPERANTO

Laŭ komisio de Kleriga Ministrio. La Kuratorio petas respondi ĝis la 15-a de k.m. sekvantan enketon rilate al Esperanto:

1. Nomo de instruistoj (-inoj)
   a. sciantaj Esperanton „iomete"
   b. sciantaj Esperanton „bone"
   c. laborantaj en esperantaj organizaĵoj
2. Ĉu estis aranĝataj Esperantaj kursoj laŭ Cseh-metodo depost la jaro 1931-a
   a. Kiam?
   b. kiu gvidis ilin?
   c. kiom da lernantoj (-inoj) partoprenis en ili?

Estas postulataj ankaŭ la negativaj respondoj.

Departementestro:
(-) IZBICKI

La Kleriga Ministerio prilaboris la tutan ricevitan materialon kaj alsendis ĝin, laŭ deziro de prof. dr. BOVET, al SCIENCA ESPERANTA RONDO en Bydgoszcz por plua uzo. El la enketo evidentiĝas, ke pozitivajn respondojn alsendis 79 lernejoj, indikante la nomojn de profesoroj kaj instruistoj, kiuj scipovis Esperanton. Entute estas 107 esperantistoj en ĉiuj mezlernejoj. Efektive oni povas akcepti pli grandan nombron de ili, ĉar ne ĉiu el geinstruistaro kuraĝis konfesi sian rilaton al Esperanto. El ĉi tiu indikita nombro 82 personoj sciis Esperanton en la elementa grado („iomete") kaj 25 posedis la „bonan" scipovon de ĉi tiu lingvo. Tre malgranda procento de geinstruistaro (12 %) laboris en la esperantaj organizaĵoj, t.e. nur 13 personoj.

La nombro de gimnazioj, kie oni instruis Esperanton kiel nedevigan lernobjekton depost la jaro 1931-a, t.e. depost la 23-a Universala Esperanta Kongreso, okazinta en Krakovo - estas ankaŭ tre malgranda; ĝi nombras 12 lernejojn en 10 sekvantaj urboj: Bydgoszcz

(2), Chyrów, Krakovo (2), Lublin, Lvovo, Naklo, Stryj, Szamotuly, Tarnobrzeg kaj Varsovio.

La Esperantaj kursoj ne estis regule aranĝataj en ĉiuj gimnazioj. Plej parte ili okazis nur unufoje en ĉiu gimnazio, kaj kaŭze de manko da lernantoj, aŭ manko da faka instruisto, ilia ŭtomate finiĝis. Nur en ŝtata gimnazio en Szamotuly (prof. Maske) kaj en la ŝtata klasika gimnazio en Bydgoszcz (la subskribinto) - ili okazas regule ĉiujare kun meznombro de 60 partoprenantoj : en Szamotuy depost la jaro 1933, kaj en Bydgoszcz depost la jaro 1929, kiam estis aperinta la dekreto de Kleriga Ministerio pri la permeso rilate al nedeviga instruado de Esperanto en mezlernejoj. Ĉe la nova lernejara organizaĵo (4-jara gimnazio) ĉi tiu dekreto ne valoras plu. Pro tio SCIENCA ESPERANTA RONDO en Bydgoszcz atakis senĉese la Ministerion per diversaj memorialoj kaj petskriboj, liverante al ĝi gravajn dokumentojn pri pedagogia valoro de Esperanto. Ĉiuj ĉi atakoj restis ĝis nun, bedaŭrinde, senefikaj kaj ni atendas nunjare pli grandan sukceson flanke de nia JUBILEA.

Prof. SYGNARSKI - Bydgoszcz, Polujo.

Krom en la mezlernejoj oni instruas Esperanton kiel nedevigan Fakon en kelkaj unugradaj lernejoj, ĉe la Instituto de surd-mutuloj kaj blinduloj. en Varsovio, kaj ĉe unu el la korpuso de kadetoj.

(Aldono de la redakcio).

---

# La Eksterlerneja Klerigado.

**Ĝeneralaj Rimarkoj.** Preskaŭ 150 jaroj da politika mallibereco altgrade malfruigis kaj malhelpis la agadon pri klerigado inter la maturaĝuloj, ĉefe en la laborklasoj: laboristoj kaj kamparanoj, kiuj, precipe dum la dua kvindeko de la 19-a jarcento, duonemancipiĝadis, laŭ socia kaj eduka vidpunktoj. En tiaj malliberaj tempoj, sufiĉis por niaj fortoj la klopodoj pri nacia sindefendo, memkonservo, kaj la efektivigo de la plej urĝaj bezonoj en tiu direkto.

**Organizo.** En la momento de la reakiro de la Ŝtata sendependeco, la eksterlernejan klerigan laboron faris ĉefe sociaj institucioj kaj asocioj. La Ministerio pri klerigado organizis interne de si mem specialan por tiu fako centran organon: la Fakon de l'Eksterlerneja Klerigo, kies tasko estis ĉefe, doni al la laboroj moralan kaj praktikan subtenon, fiksi idean direkton kaj agadmetodojn, registri la laborpunktojn.

Tamen, ju pli multe disvastiĝis la kleriga laboro, kaj ju pli grandajn taĉmentojn da lernantoj ĝi grupigis en siaj centroj, des pli klare montriĝis, ke en nunaj cirkonstancoj ekonomiaj kaj kulturaj, la

eksterlernejan klerigon en Polujo devas gvidi, en harmonia kunlaboro, tri elementoj: Ŝtato, Komunumoj kaj sociaj grupoj.

La roldividoj inter tiuj elementoj fiksiĝas jene: la Ŝtato prenas sur sin la plej altan respondecon pri la tuta agado por eksterlerneja klerigo, kaj sekve, ĝi indikas la idean direkton, zorgas pri la nivelo kaj harmonio de la centroj en la tuta lando, donas fakprizorgon pere de specialistoj, helpas la edukadon de klериglaborantoj, pere de kursoj, konferencoj, specialaj stipendioj, laŭeble subtenas finance la plej gravajn agadojn en la tereno, faras la registradon de la centroj kaj de ilia laboro en la tuta lando; reguligas la klerigan agadon per koncernaj leĝoj kaj administraj ordonoj, kaj okaze de nesufiĉa, komunuma kaj socia iniciato plenumas la laboron en propra agadsfero. La Komunumoj, siaflanke penas financigi la plej gravajn laborojn de la ĝenerala klerigo, ekz: bibliotekojn, vesperkursojn, publikajn legoĉambrojn ktp. Fine, la sociaj grupiĝoj arigas la homan materialon, plenumas senpere la klerigan laboron, laŭ la bezonoj de siaj membroj, zorgas pri necesaj kapitaloj. Kaj, por la bezonoj de la fakspecialista helpo, ekzistas apartaj institucioj konsilkarakteraj, kiuj zorgas pri diversaj branĉoj de l'eksterlerneja klerigo laŭ vidpunktoj esplora kaj instrua.

La supra reguligo ne estis enkondukita perforte de iu el la nomitaj elementoj, sed ĝi estis kreita senpere, de la vivo mem. Ĝi aperas kiel rezulto de certaj procesoj organizo-sociaj kaj ĝi ne povas ankoraŭ esti konsiderata kiel konceptaĵo plene evoluinta kaj definitive senŝanĝa.

La klerigaj ŝtatorganoj estis devigataj krei unue apud ĉiu Lerneja Kuratorejo apartan Fakon de l'Eksterlerneja Klerigo kaj fine (en 1933) oficigi en Lernejoj Inspektorejoj specialajn gvidantojn de l'eksterlerneja klerigado. Tiamaniere evoluis el la bezonoj de l'vivo trigrada oficiala aparato, plenumanta la prizorgon de ĉiuj aferoj de l'eksterlerneja klerigo. En la lernejjaro 1934/5 la aparaton funkciigis 187 personoj.

Oni devas tamen rimarki, ke tiu oficiala aparato plenumas nur la protekton de l'eksterlerneja klerigo, kiu estas agado socia, entreprenata precipe de la instruistaro laŭ principo de libervoleco.

Kaŭze de tiu organiza konstruo de l'eksterlerneja klerigo aperis bezono de pli larĝaj opinidonantaj korpoj, en kiuj partoprenus ĉiuj tri elementoj interesiĝantaj pri la agado, kaj precipe sur la tereno de la landaj distriktoj en kelkaj palatenoj (województwa) [1]) la bezono jam tre frue fariĝis aktuala. Formiĝis do Distriktaj Komisionoj de l'Eksterlerneja Klerigo, kunigantaj la elementojn ŝtatan, komunuman kaj socian.

El 243 distriktoj en la tuta lando estis aktivaj en la lernejjaro

[1]) Administrative Polujo estas dividita je 16 „województra (palatenoj).

1934/5 152 Distriktaj Komisionoj de l'Eksterlerneja Klerigo. En la provinca (palatena) skalo ekzistas nur unu Komisiono, kaj oni ne diskutis ĝis nun la demandon pri kreo de simila Komisiono en la skalo de tuta ŝtato. Ne montriĝis ankoraŭ en tiu direkto la ebleco de realigo.

La sociajn grupiĝojn, kiuj gvidas la eksterlernejan klerigon, aŭ almenaŭ interesiĝas altgrade en tiu agado, oni povas dividi je tri klasoj:

a. **konsilkarakteraj institucioj,** kiuj havas por tasko liveri fak-instrukciojn en la formo de eldonoj, kursoj, prilaboroj ktp.; ĉi tie apartenas institucioj kiel: Instytut Oswiaty Doroslych (t.e. Instituto por Klerigo de Plenaĝuloj) edukado de plenaĝuloj (klerig- kaj distrejoj), Poradnia Bibljoteczna, Biblioteka Konsilofico (biblioteka tekniko, legejoj), Powszechny Uniwersytet Korespondencyjny — Ĝenerala Teatrów Ludowych — Instituto de Popolaj teatroj (protekto al amatoraj teatroj), Instytut Oswiaty i Kultury im. Staszica—Instituto Staszic por Klerigo kaj Kulturo (ĉefe vilaĝaj bibliotekoj);

b. grandaj klerigaj institucioj en plurprovinca skalo (Towarzystwo Szkoly Ludowej — Societo por Popolaj Lernejoj en antaŭa aŭstria parto, Towarzystwo Czyteln Ludowych — Societo de popolaj legejoj en antaŭa prusa parto kaj Polska Macierz Szkolna — Pola Lerneja Asocio en antaŭa rusa parto de Polujo).

c. Organizoj de eksterlerneja junularo (Zwiazek Strzelecki — Asocio de Pafistoj, Zwiazek Katolickich Stowarzyszen Modziezy — Unuiĝo de Katolikaj Junulaj Asocioj, organizoj de vilaĝa junularo: Centralny Zwiazek Mlodej Wsi — Centra Asocio de Juna Vilaĝo, Zwiazek Mlodziezy Wiejskiej Rzeczypospolitej Polskiej — Asocio de Vilaĝa Junularo de la Pola Respubliko. La protekton de la tuta movado de la vilaĝa junularo plenumas Centralny Komitet do Spraw Mlodziezy Wiejskiej — Centra Komitato por aferoj de Vilaĝa Junularo.

Krome, pri la klerigo inter militistaro okupiĝas Polski Bialy Krzyz — Pola Blanka Kruco. Ĉiu soldato, eniranta regimenton kiel analfabeto, devas dum sia militservo lerni legi kaj skribi.

Towarszystwo Uniwersytetu Robotniczego (T.U.R.) — La Asocio de Laboristaj Universitatoj okupiĝas pri disvastigo de klerigo inter laboranta popolo urba kaj vilaĝa, ĝia idea bazo estas socialisma vivkoncepto, ĝi parencas organize al Pola Partio Socialista (P.P.S.), rilatas konstante kun la internacia Sekretariejo de Laborista Klerigo en Parizo. En 1936 T.U.R. kalkulis 205 grupojn.

Krom la polaj ekzistas ankaŭ klerigaj institucioj gvidataj de polaj civitanoj de nepola nacieco en iliaj propraj lingvoj.

Ankaŭ la Departamento de Malliberejoj apud la Ministerio de Justeco, gvidas la klerigon laboron inter malliberuloj, precipe junuloj, sed ankaŭ inter plenaĝuloj. Estas instruataj devige malliberuloj, kiuj

ne atingis 40 jarojn, ne posedas ankoraŭ edukon en la skalo de unuagrada lernejo kaj estas malliberigitaj por tempo ne malphi longa ol 6 monatoj. Aliaj malliberuloj povas profiti la instruadon, se ili tion petas. Unuagradaj lernejoj ekzistas en 58 malliberejoj. Same junulecaj t.e. malpli ol 18-jaraj, kiel plenaĝaj malliberuloj faras ekzamenon antaŭ speciala komisiono, kaj ricevas atestojn sen mencio, ke ili finis malliberejan lernejon. Krom tio ekzistas por junulecaj kaj plenaĝaj malliliberuloj faklernejoj ĝardenistaj, agrikulturaj kaj metiaj, kie la elirantoj ricevas koncernajn fakdiplomojn ankaŭ sen mencio, ke la fakedukon ili ricevis en malliberejo. La malliberejaj metiejoj produktas objektojn tre bone, iafoje eĉ artoplene fabrikitajn.

La tendenco de la malliberejaj oficejoj, kiel de la patronanta komitato por malliberuloj, estas doni al la malliberuloj post reakiro de libereco la eblecon reveni al normala, honesta vivo.

## Formoj de agado.

La kleriga agado adoptas diversajn formojn, de lernej por plenaĝuloj kaj internula popola universitato ĝis lekcio kaj teatra spektaklo. En la lerneja jaro 1934 5, la kleriga statistiko elmontriĝadis jene:

1. vesperlernejoj por junuloj kaj plenaĝuloj 41,
2. regulaj vesperaj kursoj por junuloj kaj plenaĝuloj 6621,
3. fermitaj popolaj universitatoj tipe Grundtvig 7,
4. „universitatoj por ĉiuj" nun komencas fondiĝi, precipe en la okcidenta landparto, ekzistas da ili apenaŭ kelkaj dekoj,
5. dimanĉaj popolaj universitatoj atingis jam nun la nombron ĉk. 500,
6. legoĉambraj grupiĝoj plenumantaj tre diversajn laborojn registritaj preskaŭ 18000,
7. teatraj rondoj pli ol 10.000, da kantistaj pli ol 6000.

La problemo pri legado, malgraŭ ke Polujo ne posedas ankoraŭ bibliotekan leĝon, ĉiujare moviĝas antaŭen, precipe dank' al kresko de migrantaj bibliotekoj, kiujn financigas ĉefe la komunumoj. Samtempe kun ja alveno en vilaĝon de migranta biblioteketo, fondiĝas rondoj de bona librolegado kaj memedukaj.

## Edukado de laborantoj.

Pri preparo de novaj klerigaj laborantoj okupiĝas 2-jara Studo de Laboro Socia kaj Kleriga ĉe la Libera Pola Universitato en Varsovio (Studjum Pracy Spoleczno-Oswiatowej przy Wolnej Wszechnicy Polskiej). Krom tio la lernejaj povoj organizas ĉiujare grandan nombron da kursoj kaj lekcioj (en 1934 okazis 329), dank' al kio la faka kaj ĝenerala preparo de la laborantoj estas pli kaj pli bona. Ankaŭ apartaj organizoj arangâs kursojn por siaj laborantoj, kaj en la lastaj jaroj jam ankaŭ por gvidantoj el la membroj de siaj plej malsuperaj organismeroj.

Specialan atenton meritas la agado de la Unuiĝo de Pola Geinstruistaro (Zwiazek Nauczycielstwa Polskiego), kiu donas protekton

instrukcian al siaj membroj instruistoj, kaj sur ili necese apogiĝas la tuta agado por la eksterlerneja klerigo.

Inter revuoj dediĉitaj ekskluzive al la eksterlerneja klerigo oni devas nomi: „Praca Oswiatowa" — La Kleriga Laboro (monata Revuo, eldonata de Instituto de Klerigo por Plenaĝuloj, Instituto de Popolaj Teatroj, Biblioteka Konsilofico kaj Ĝenerala Koresponda Universitato) kaj „Oswiata Pozaszkolna" — La Eksterlerneja Klerigo (monata revuo eldonata de la Lerneja Kuratorio en Poznan).

Inter la ĝeneralaj revuoj oni devas mencii „Wiedza i Zycie" — „Kono kaj Vivo", monata revuo, eldonata de Ĝenerala Koresponda Universitato, fine ankaŭ la specialan revueton instrukcian „Teatr Ludowy" — „La Popola Teatro" (eldonata de Instituto de Popolaj Teatroj).

Inter la grandaj institucioj, La Societo de Popolaj Lernejoj eldonas sian monatrevuon „Przewodnik Oswiatowy" — „La Kleriga Gvidilo", kaj Polska Macierz Szkolna (La Pola Lerneja Asocio) kaj La Societo de Popolaj Legejoj eldonas dumonatan revuon „Oswiata Polska" — „La Pola Klerigo".

**Financoj.**

La kosto de la kleriga agado estas dividita inter la elementoj: socia, komunuma kaj la Ŝtato. La financa partopreno de la socio estas malfacile difinebla per precizaj ciferoj. Distriktaj komunumoj (ne kalkulante do komunumojn vilaĝajn kaj la grandajn urbojn) dediĉas por la klerigo dum la lastaj tri jaroj mezonombre po 600.000 zl. jare. La komunumo de la urbo Varsovio dum la lasta jaro — I. 500.000 zl. La ministerio de Klerigo havis budĝeton por la eksterlerneja klerigo en la jaroj 1924—28 mezonombre po 300.000 zl. kaj en 1929—1935 po 950.000 zl.

Tradukis Jan Kostecki. L. K.

---

1. Beckmann estos nia reprezentanto en la kongreso en Parizo por la temo: Esperanto en la lernejo.

2. Ni ricevis 64-paĝan libron, enhavanta multajn tre legindajn artikolojn. Kortega kons. Hugo Steiner kompilis ilin. Estas la prelegoj de la XIIa Somera Universitato, de la internacia konferenco de la instruistoj kaj de tiu de la virinoj, Entute 19 artikoloj.

La libro povas helpi al varbado por la Intern. Konferenco en Parizo je Pentekosto. La prezo 5 intern. poŝt. kup. kun afranko.

Mendojn al Intern. Esperanto-Muzeo, Wien , I. Neŭe Burg,

3. **Pagu tuj vian kotizon!!!**

---

# Instruistaj organizaĵoj en Polujo.

Instruistaj organizaĵoj havas la celon la defendon de moralaj kaj materialaj interesoj de geinstruistaro.

Ekzistas 20 polaj instruistaj societoj kaj 14 de naciaj malplimultoj. Menciindaj estas: Asocio de Instruistoj de Mez-kaj Superaj Lernejoj (Towarzystwo Nauczycieli Szkól Srednich i Wyzszych) Varsovio, str. Bracka 18.

Naci-Katolika Asocio de Instruistaro de Popollernejoj (Stowarzyszenie Chrzescijansko-Narodowe Nauczycielstwa Szkól Powszechnych) Varsovio, str. Senatorska 18.

Asocio de Direktoroj de Polaj Ŝtataj Mezlernejoj (Stowarzyszenie Dyrektorów Polskich Srednich Szkól Panstwowych) Varsovio, str. Mysliwiecka 6.

Reciproka Helpo de Ukraina Instruistaro (Wzaimna Pomoĉ Ukrainskaho Uĉitelstwa Lwów, str. Ossolinskich 8.

Sed la plej multnombra organizaĵo estas Zwiazek Nauczycielstwa Polskiego (La Unuiĝo de Pola Instruistaro) kaj pro tio ni dediĉas al tiu organizaĵo specialan artikolon, esperante ke niaj eksterlandanaj kolegoj interesiĝos pri la vivo kaj agado de la pola geinstruistaro.

---



Unuagrada publika lernejo en Varsovio.

# MIGRADO TRA „INSTRUISTA URBETO" DE UNUIĜO DE POLA INSTRUISTARO (pole: ZWIAZEK NAUCZYCIELSTWA POLSKIEGO) *)

Sur Wybrzeze Kościuszkowskie en Varsovio staras konstruaĵoj, apartenantaj al Unuiĝo de Pola Instruistaro.

En la 4-6 etaĝaj loĝej-blokoj troviĝas oficejoj, laborejoj, filioj kaj moderne aranĝitaj grafikaj laborejoj de la U.P.I.

La tiel nomata „Instruista Urbeto" estas fondita en Varsovio dank' al etaj kotizoj de la membroj. La ideo krei sian propran sidejon naskiĝis depost la reakiro de la sendependeco de Polujo.

La konstruo komencita en 1929, estis finita en 1931.

Ni trarigardas sliparon de la membroj de U.P.I. Ĝi estas gvidata sur bazoj de scienca labor-organizado.

Ĉu vere Vi konstruas domegojn kaj organizas tiel grandskale la eldonan, memhelpan k.t.p. agadojn sen ia ajn subvencio?

Jes, eĉ ne groŝon ni ricevas! Estas nia ambicio fari ĉion por ni propraforte. Ni laboras ŝpareme kaj agas en kadroj de la budĝeto, decidita de Kunveno de Delegitoj. Cetere ni estas sufiĉe multnombraj.

Kiom da membroj havas nuntempe U.P.I.?

51.386 personojn.

Ĉu ili estas instruistoj el diversaj lernejoj?

Jes. De antaŭlernejoj ĝis universitatoj inkluzive.

Kiamaniere Vi prizorgas la membrojn?

Nia laboro estas dividita en 9 fakojn:

1. Organiza kaj Profesia Politiko, 2. Pedagogio, 3. Socia Laboro, 4. Jura Defendo, 5. Memhelpado (kune kun la Oficejo por Labor-Perado), 6. Eldona, 7. Financa, 8. Mastruma, 9. Ĝenerala.

La Fako de Socia Laboro reguligas kaj estras ĉiujn penojn de la instruistaro sur kampo de socia laboro. Gravan rolon ludas la eksterlerneja klerigado.

La membroj partoprenas aktive laborojn en diversaj organizaĵoj sociaj, mastrumaj, kulturaj kaj junularaj, havantaj similan idearon. En la nuna momento ĉirkaŭ 15.000 membroj de U.P.I. instruas militservontojn.

La Fako de Jura Defendo prizorgas ĉiujn jurajn aferojn Tiu ĉi Fako donas jare milojn da konsiloj kaj — laŭ bezono — al apartaj membroj eĉ advokatojn.

La Fako de Memhelpado disponas pri la postmorta fondo, elpagante al vidvinoj kaj orfoj la sumon de zl. 500.- gis zl. 2.000 depende de tio, kiom da jaroj la mortinto apartenis al U.P.I. La sama Fako disponas pri fondo de kuraca helpo kaj pri aliaj specialaj fondoj.

Vi parolis pri la Oficejo por Labor-Perado. Ĉu Viaj ĉiuj membroj estas do aktivaj instruistoj?

Ve, koncerne tiun ĉi aferon estas tre malbone. Bonkvalifikitaj instruistoj, sen laboro estas kelk mil.

Pri senlaboraj lernintoj, kiuj finis kursojn en por-Instruistaj Institutoj, zorgas speciala Komisiono de la Ĉefa Estraro.

**U.P.I. instruas senpage 2000 instruistojn.**

Sur V-a etaĝo de la grandega domo, apartenanta al U.P.I., estas lokita Pedagogia Fako. Troviĝas ĉi tie sidejo de la Fak-Prezidantaro, psikologia kaj naturscienca laborejoj, scienca biblioteko de U.P.I., redakcioj de 7 pedagogiaj monataj revuoj la Direkcio de Pedagogia Instituto de U.P.I., Direkcio de Superaj Kursoj Por-Instruistaj, fine diversaj oficejoj de la Pedagogia Fako.

Grava tasko de la Pedagogia Fako estas memkleriga agado inter la instruistaro.

Respektante la principon de memhelpado kaj memstareco U.P.I. gvidas kelkajn instituciojn, servantajn al memklerigado.

Unuavice oni devas citi la pedagogian gezetaron kaj precipe 7 monatajn kaj 1

*) Zwiazek Nauczycielstwa Polskiego uzas ĉiam la mallongigon Z.N.P.

kvaronjaran revuojn. La memklerigan laboron gvidas Superaj Por-Instruistaj Kursoj, kiuj ekzistas jam de 8 jaroj. Tiun ĉi laboron partoprenas nuntempe pli ol 2000 instruistoj, kiuj uzas en sia laboro korespondan, prelegan kaj laboratorian metodojn.

Superaj Por-Instruistaj Kursoj estas gvidataj tiamaniere, ke la instruisto, ne malhelpata de siaj profesiaj okupoj en la daŭro de tri jaroj, povu ekkoni la teorian scion konforme al la pedagogio kaj bone konatiĝi kun nuntempa Polujo kaj la elektita specialeco.

La Pedagogia Instituto de U.P.I. nombras pli ol 200 studantojn (lernintojn de Superaj Por-Instruistoj Kursoj kaj Pedagogiumoj) kiuj studas du fakojn : Pedagogian kaj Socian — en daŭro de 4 jaroj.

Instruas universitataj profesoroj kaj docentoj.

Speciale zorgas U.P.I. pri la komencanta instruisto. Tiucele estas aranĝataj konferencoj kaj kursoj, faciligantaj preparon al praktika ekzameno, kiun organizas ĉiujare apartaj Distrikt-Organizaĵoj de U.P.I. Tiuj ĉi kursoj estas tute senpagaj kaj partoprenis ilin povas ĉiuj membroj de U.P.I.

Post penega kaj streĉa laboro la instruisto devas bone ripozi dum libertempo, kion bone komrepnas U.P.I. Ĝi aranĝas tiucele ĉiujare dekojn da en-kaj eksterlandaj ekskursoj kaj tendaroj. En la pasinta jaro oni aranĝis ĉirkaŭ 40 tiajn ekskursojn. Partoprenis ilin preskaŭ 1000 instruistoj.

**Eldonkvanto de U.P.I. estas 720.000.**

Ni estas en konstruaĵo, en kiu estas lokitaj Eldona Fako kaj Grafikaj Laborejoj de U.P.I. Tie ĉi troviĝas redakcioj, administracio, eksped-oficejoj kaj presĉambroj.

Aŭtomobilo, kiun konstruis speciale la unua en Polujo senpaga ĉirkaŭvetura teatro por infanoj, estas senĉese en la vojaĝo, atingante la plej malproksimajn lokojn de la lando.

Kian eldonkvanton da revuoj havas U.P.I. ?

Ni ekspedas semajne ĉirkaŭ 400.000 ekzemplerojn da diversaj revuoj por infanoj. Por instruistoj ni ekspedas ĉirkaŭ 320.000 ekzemplerojn monate.

Kian spacon okupas la konstruaĵoj de U.P.I. ?

La tri loĝej-blokoj havas 70.000 $m^3$.

En la unua loĝej-bloko, la 6-etaĝa konstruaĵo, estas lokitaj ĉiuj centraj filioj de U.P.I. kaj organizaj centroj de Varsovia Distrikto. Tie ĉi troviĝas oficejoj, kunvensalonoj, magazenoj k.t.p.

En unu parto de la loĝej-bloko la granda konven-salono (por 2000 personoj) kaj reprezentaciaj salonoj estos baldaŭ disponigeblaj al la instruistaro.

Ĉe tiu ĉi konstruaĵo staras du domoj (3-etaĝaj loĝej-blokoj), kie troviĝas privataj loĝejoj de U.P.I.-oficistoj.

En la dua loĝej-bloko, 4-etaĝa konstruaĵo, estas lokita internato de U.P.I. Ĝi konsistas el du partoj :

en la unua povas loĝi infanoj de U.P.I.-anoj, venintaj el la provinco (90 personoj),

en la alia — instruistoj, apartenantaj al U.P.I. kaj studantaj en Varsovio, (70 personoj).

En tiu ĉi dua parto de la internato povas loĝi alveturantaj gastoj kaj ekskursonoj (pli ol 150 lokoj.

Ĝenerale tranoktas en U.P.I.- konstruaĵoj 20.000 personoj, inter ili estas 7.000 traveturantoj.

La ekskursanoj povas ricevi en U.P.I.-manĝejo ĉian deziratan manĝo-kvanton por tre malalta prezo.

Ĉu U.P.I. ekster Varsovio posedas ian havaĵon ?

Jes, havaĵo de U.P.I. troviĝas en la tuta lando. Ili estas : Sanatorio por ftizuloj en Zakopane por 200 personoj, Sanigejo (Dom Zdrowia) en Zakopane, Pensiono por 60 personoj en Krynica, belan terbienon en Brody (ĉirkaŭ 750 ha), parte disparceligata inter la membrojn. krome diversaj domoj kaj internatoj en Jaremcze, Tarnopol, Hallerowo, Kraków, Rawa Ruska, Baranowicze, Tomaszów Lubelski k.t.p.

La komuna peno kaj fortostreĉo de la membroj kreas grandegan verkon por bono de la lando, por bono de la klereco, por bono de la dekoj da miloj da U.P.I.-anoj.

Tradukis HALINA VINSTIN.